# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 22/11/2014 Cent naŭdek dua eldono 23/11/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 46. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Subordaj frazoj. B..



Kaj trie ĝi povas difini frazparton aŭ simplan vorton kiel adjektiveca, nomata rilata, subfrazo, en kiu (ĝenerale la unua) iu rilata pronomo referencas al kaj samas kiel iu vorto en la ĉefa propozicio, ekz. "La filo de mia najbarino, kiu instruas en tiu lernejo, vizitadas la saman lernejon", kaj "Mi certe devos kapti la baldaŭan vagonaron, kies forirhoron mi forgesis", kaj "Oni ne referencis al la tialo, kial la vagonaro malfruas".

Estas memkomprenebla, ke la suborda frazo enhavas la normalajn frazpartojn subjekto, predikato, kaj eventualaj objekto kaj adjektoj.

En la reduktitaj subordaj frazoj la verbo havas la infinitivan formon, kaj la subjekto ne esprimatas, ekz. "Ni ne ŝatas lian kutimon, daŭre interrompi (ke li daŭre interrompas) la paroladon". En tiaj konstruoj forfalas la interligvorteto "ke".

Marcel Leereveld



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

15/11/14 venis Chris, Ian, John, Jerry kaj Roger. Eunice estas en malsanulejo post falo

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhofa Festa informo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Pordoj malfermiĝos je 11atm, manĝo ktp ĝis 1ptm. Sin-prezentaj paroletoj de ĉiuj? Poste volontuloj parolos en Esperanto pri interesaj temoj dum 10 ĝis 15 minutoj. Naskiĝtagkukoj, pli da manĝo, trinkado, interamikaj konversacioj, renkontiĝoj kun malnovaj kaj novaj amikoj. Finiĝos ĉirkaŭ 4 ptm.



### La Esperanto-Gastdormejo. Estontaj gastoj

Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenos Dec.30 kaj foriros aŭ Jan.1 aŭ Jan.2,
Ilia Dewi el Indonezio je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

" Ĉe nia kunveno pasintan lundon ni tradukis ŝercojn, studis gramatikon kaj diskutis planojn por la Zamenhofa Festo. Ĉeestis Marcel, Karlo, Joanne, Peter, Jenny, Jean, Tristan, Esther kaj Heather. La reklamo videblas sube." Informis Heather

## La Esperanto-Federacio de Viktorio

Invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"
6.30 ptm, Sabato 13a Decembro 2014

Ĉe la “Melbourne Unitarian Peace Memorial Church”
110 Grey Street, East Melbourne
Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj
Bonvolu alporti pladon
Ni esperas ke vi celebros kun ni
★★★★



## La Adelajda Esperanto-klubo.

Kiel kutime en Adelajdo, ni festos la grandan okazon ĉe Indrani, 71 Hindmarsh Circuit, Mawson Lakes, sabaton la 13-an de decembro, je la 16-a horo. Informo el „Tamen Plu“



## Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 17an de nov Roger Springer, Margaret Chaldecott laboris iomete ĉe la Domo, farante ĝeneralajn oficejajn/domajn laborojn kaj Ian Wylles laboris en la arĥiva ĉambro.

## miaj kruroj

Dimanĉon 16-Nov-2014



Oni ofte plendas ke estas rondo de kuracistoj kiuj sendas malsanulojn de unu al alia. Kaj flanke estas terapiistoj kiuj ne rajtas fari tion.
Dum multaj monatoj mi ne povis marŝi facile rekte super la loka strato pro la ne tre severa deklivo. Mi pensis ke la afero rilatis al ne fortaj pulmoj sed - iel, mi ne sciis - mi trovis min en la manoj de specialisto kiu trovis ke la problemo estis miaj vejnoj, kaj li - per lasero - povus purigi ilin.
Mi ne povas priskribi la tutan aferon, sed dum iu Merkredo oni per ultrasono trovis la lokon kie, dum la morgaŭa Ĵaudo la specialisto kun sia teamo purigos la vejnojn. Tuj post tio, oni metis sur miajn krurojn ege striktajn ŝtrumpojn femur-altajn kiuj devas resti tie dum 4 tagoj kaj mi tute ne rajtis malsekigi ilin- do, dum la venonta Mardo mi povus duŝi la tutan korpon.
Sed - kiel? Mi strebis kaj fine devis voki al mia amikino kiu tiris - kontraŭ mi - kaj fine la ŝtrumpoj estis for.
Kaj post tio, laŭ instrukcioj, mi devis porti ilin nur dum la tago kaj dormi sen ili, sed remeti ilin en la venonta tago, dum la venonta semajno.
Bonŝance venis voko ke mi venu dum la Merkredo tiel ke oni povu decidi pri la progreso de la afero. Post la kutima ŝmiraĵo de la olea likvo, miaj kruroj estis denove fotitaj kaj la bildo prezentita al la specialisto, kiu diris ke pro la sukceso, mi ne devas reiri al li dum 12 monatoj!
La dato de la unue proponita ekzameno estis la Sabato la 15an, la sama dato kiel ĝoja afero en nia preĝejo - geedzfesto por paro - do mi povis ĉeesti.
Tute libera sen ŝtrumpoj.

Nun mi devas marŝi dum 5 minutoj post ĉiuj 2 horoj, kaj dufoje dum 20 minutoj, kaj unufoje dum 30 minutoj; kaj sidi kun la piedoj levitaj.
Mi certe devas obei tiujn instrukciojn tiel ke la problemo ne reaperu.
Margaret

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 27-an de nov, je la 19:00 (18:30)

## Jen bona filmeto.






https://www.youtube.com/watch?v=Vp_pDOJZOdg
**Amike, Nicole**



Gratulon! Bonega propagandilo por esperanto en la angla lingvo. Mi vere admiras esperantistojn el anglalingvaj landoj! Vi pli forte pravigas nian bezonon rilate al neŭtrala kaj internacia lingvo por pli justa komunikado. Alex Cesário




Se vi deziras subteni la radio-programon en Esperanto el Aŭstralio ( el 3ZZZ -Melburno) , bonvolu konsideri membriĝi al la programo. La kotizo estas $15 jare , $10 por la emeritoj.
Tio eblas per sendado de ĉeko je la nomo de la radiostacio aŭ sendado de mono al mi, aŭ per kreditkarto uzante la retejon de 3ZZZ t.e.
www.3zzz.com.au
Se vi ne sendas vian membrokotizon rekte al mi, bonvolu averti min tiel ke mi povu kontroli ke via pago estas bonorde registrita. Ne forgesu mencii ke vi aliĝas al la Esperanto-programo.
Mi vin antaŭdankas.
Amike Franciska Toubale Kunvokanto por la teamo Esperanto en 3ZZZ

## ARMIDALA RENKONTIĜO



Lundon la 17an de Novembro Ron Gates kaj Terry Manley renkontiĝis ĉe la domo de Ron kaj Barbara, kiu situas en kamparo 3-4 kilometrojn sude de la urbo. Malgraŭ la daŭra senpluveco la ĉirkaŭa medio de la domo aspektis kiel oazo inter la povrecaj kampoj pro la bona flegado de Barbara kaj Ron. Ron klarigis, ke kiam li kaj Barbara konstruigis la domon

ili organizis, ke putboristo trovu subgrundan akvon. Tiel ili nun povas akvumi ĝardenojn dum digoj sekiĝas kaj pluvo ne venas.
Ron prezentis al Terry kopion de sia laste eldonita verko *Briĝo kun Veneno*, nun havebla pere de FEL (Flandra Esperanto-Ligo). Antaŭ jaro Terry kontrolis la tekston de tiu romano por Ron. Ĉifoje Ron kaj Terry trairis la tekston de nova verko de Ron *Murdo en la Teatro* por pretigi ĝin por eldonado.
Do atendu ankoraŭ alian libron de Ron en la nova jaro. Ĝi estos la sesa en serio de murdenigmoj lokigitaj en la fikcia urbo de "Longvalo" Terry Manley.

## sendu poŝtkartojn en Esperanto

trovis Joanne Johns

Antaŭ jardekoj, miaj geavoj estis tre engaĝitaj en la mondo de Esperanto. Mia avo parolis flue. Mia avino estis ĉiam skeptika pri kiel disvastigata estas Esperanto, tial mia avo sukcesis mesaĝon meti en populara esperanto publikigado demandante homojn sendi poŝtkartojn en Esperanto el la tuta mondo, por pruvi al mia avino, ke Esperanto ja estas disvastigita. Ili ricevis dekojn da kartoj, sed ne konservis ilin. Mia avino nun bedaŭras. Mi volas ripeti ĉi projekton denove. Ĉu iu interesiĝas pri sendo de bildkarto el la loko kie vi loĝas kun amika saluto en Esperanto? Mi loĝas en Britio. Se mi ricevos iujn, mi prezentos ilin al ŝi kiel donacon de la Esperanto-parolantoj de la mondo.
Matt Thomas, 17 Haversham Close, Three Bridges, Crawley, United Kingdom, RH10 1LB
Bonvolu adresi ĝin al 'Blanche', mia avino. Dankon por legado!

## Esperanto-TV kaj Sennomo: Sango kaj Ĉenoj

La produktoro de Esperanto-TV lastatempe amikiĝis kun la reĝisoro de nova **ANGLE** ret-televida serio, **«Sennomo: Sango kaj Ĉenoj»**. Dum kunvenoj la du diskutis la eblecon subtekstigi aŭ dubli ĉi tiun serion per Esperanto. Sed tiel tempoprena laboro povas okazi nur se la Esperantistaro vere ŝatus spekti ĝin. Do, tiucele, la skipo de Esperanto-TV decidis intervjui la reĝisoron por prezenti lin kaj lian serion al la Esperantistoj kaj poste enketi ĉe ili pri tio. Do legu la artikolon kaj donu vian opinion. Richard Delamore
Legu la restaĵon de la artikolo ĉe: http://www.actingaustralia.com.au/eo/sennomo-sango-kaj-cxenoj-intervjuo-kun-michael-samer/

## Dumnoktaj Fiŝkaptantoj





je 1.30 atm lundon, la 15an de Novembro, du fiaĉuloj ŝtele venis por kapti fiŝojn el mia belega amata fiŝlageto. Tre ĝojigis min ke mia najbaro ne dormis kaj informis la aĉulojn ke fiŝkaptado estas malpermisata el tiu lageto.
Kio okazas al la homaro? Roger Springer

# ESPERANTO-LIGO DE OKCIDENTA AŬSTRALIO

## RAPORTO DE LA SEKRETARIO AL LA JARKUNVENO OKTOBRO 2014

(Sendis Vera Payne al AE)

**LA ESTRARO** dum la 2013-14 jaro: Prezidanto - John Massam, Vic-Pr - Shirley Gradussov, Kasisto - Rod Cameron, Sekretario - Trish O'Connor, Kontkontrolisto - Kerry Arnett.

**FORPASIS** Maureen McSweeny, longdaŭra Kontkontrolisto, kaj lojala ano kaj amiko de la Ligo,

**BIBLIOTEKKATALOGO:** Ankoraŭ ne fintraktita estas la plano translokigi la titolojn de nia libraro al www.LibraryThing.com.au. La Ĉefbibliotekisto ĉe Murdoch Universitato informis, ke ne troviĝas en iliaj Arkivoj nia katalogo.

**ELOA LIBRARO-KONSERVADO:** Ni daŭrigas la esploron por taŭga entenejo/montrejo, kvankam ni malmulte atingis ĉi-jare.

**ELOA INVESTO:** La Banko de Kvinslando daŭre ofertas la plej bonan procenton por nia mallongtempa investo.

**ESPERANTO SOMERKURSARO:** www.aea.esperanto.org.au - Okazos ĉe la Universitato de Melburno 2-11 Januaro 2015.

**ESPERANTO INSTRUADO: 1)** Dank' al faciliganto Shirley Gradussov, la anoj kunvenas tra la jaro, kaj daŭrigas la studon de **Progressive Intermediate Course.**

**2)** TLG (**Teach Learn & Grow Inc.)** estas registrita grupo da universitataj studentoj instruantaj en foraj primaraj lernejoj. ELOA antaŭnelonge ofertis unu-jaran, senpagan Membrecon al 10 el ili, provizante senpagan 12-lecionan Esperanto-korespondkurson. Oni invitis TLG promocii la oferton kaj respondi al esperantowa@hotmail.com.

**3)** TLG instruantoj kiuj partoprenas en la supra oferto, ankaŭ estos gviditaj al la **Languages Online** Esperanto-kurso kiu haveblas per kelkaj publikaj bibliotekaj retoj.

**HAVE A GO DAY:** www.srcwa.asn.au La ĉiujara okazaĵo, organizita de la **Senior Recreation Council** provizas oportunon al ELOA enkonduki Esperanton al homoj 45 jaraĝaj kaj pli. Lastan jaron ni ofertis 15-minutajn lecionojn tra la tuta tago, tiel kuraĝigante preterpasantojn elspezi iom da tempo en nia tendo. ELOA ripetos la formaton ĉi-jare ĉe Burswood Park, la 12-an de Novembro.

**ZAMENHOF FESTO** estas ŝanco por ELOA anoj kaj geamikoj kune ĝui kuneston en gaja etoso. Ĉi-jare ni celebros je la 2-a p.t.m., dimanĉon la 14-an de Decembro.

**NOVA ESTRARO DE ELOA** - 2014-15: Prezidanto - Shirley Gradussov, Vic-Prezidanto - John Massam, Kasisto - Ron Cameron, Sekretario - Trish O'Connor. Owen kaj Trish prizorgos la libraron. Owen reprezentos ELOA en UNAA kaj AAA. Kerry Arnett estos la Kontkontrolisto, kaj se necesas anstataŭi ŝin, Rebecca McGregor faros tion.




## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.

Ĉu vi havas pli bonan metodon rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?
Roger Springer



# Esperanto-Domo Kunveno

## Dimanĉon la 30an de novembro 11atm

Estrara kunveno kaj poste amuz-programo.

**Bonvenon al Esperanto Domo** 143 Lawson Street, Redfern

**Je la 10.30** atm E-Domo malfermita por prepari la domon por la kunvenoj.

**Je la 11atm** komenciĝos la aferkunveno. La aferkunveno estos malfermita al ĉiuj venontoj kaj ĉiuj povos kontribui al la kunvenaj diskutoj. La **Zamenhofo-festo** estos diskutota. **Proponoj devas celi la Zamenhof-feston.** Pro manko da tempo ni nur bezonos tri 15 minutajn diskutojn. Ĉu vi havas proponojn? Sendu al mi. rspring@tpg.com.au Se via propono ne estos elektita, poste estos multaj monataj kunvenoj por kiuj ili verŝajne taŭgus.

**Ĉe 1ptm** aferkunveno fermiĝos. Tiam okazos lunĉo, kafo, amikaj interkonversacioj.

**Ĉe la 2ptm** La tri programetoj.

**Ĉe la 3ptm** Espereble ekestos amika, helpema etoso por subteni la uzon de Esperanto.

Ĉirkaŭ la 4ptm finiĝos la kunveno

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | | | | | | | | | |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | | | | | | | | | |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | | | | | | | | | AE192 |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | | | | AE187 | | | | | AE192 |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | AE185 | | | | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | |
| Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | |
| Sendu informon pri via klubo | | | | | | | | | |
| Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio | | | | | | | | | |